# INTERNACIA FERVOJISTO




ORGANO DE I.F.E.F.

INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO

25a jaro Januaro/Februaro 1973 N-ro 1



*Jen reprezentantoj por Gronlando, la plej fora kaj plej norde situanta provinco de Danio. Pri tiu lando kaj la tieaj homoj oni informiĝas dum la kultura vespero en Århus. Vidu artikolon pri Gronlando en paĝo 7.*




# Jubilea IFEF-kongreso en Århus

## 12.5 — 18.5. 1973

Kongresejo: Hotelo Mercur, Viby J.
Konstanta kongresa adreso:
25-a IFEF-kongreso, Assensgade 18,
DK-8000 Århus C.

Kasistaj adresoj:
25-a IFEF-kongerso,
Bankkonto no 803 547
Privatbanken, Århus-Viby afd.
DK-8260 — Viby J.

25-a IFEF-kongreso,
Tousparken 9
DK-8230 — Åbyhøj.
Poŝtĝirokonto: 20 31 50.

La hotel- kaj manĝprezoj, kiujn vi troṿis en IF no 6 1972 daŭre validas.

La aliĝiloj estis sendataj al la landaj komitatanoj kaj/aŭ voĵaĝgvidantoj la 22an de novembro 1972.

Pluraj aliĝiloj estas haveblaj ĉe la konstanta kongresa adreso.

*Al ĉiuj aliĝontoj LKK petas:*

Se vi aliĝos sed ankoraŭ ne decidis ion koncerne hotelon, ni petas vin tamen pagi kr. 7,00 por la ĉambroperado. — Se vi mem prizorgos vian loĝadon kaj pro tio ne devas pagi por ĉambroperado bonvolu noti ke vi loĝos private aŭ simile.

Al la kongresa programo en IF no 6/1972 ni havas jenajn aldonojn: Dimanĉon 13/5: 17.00—18.00, prelego de d-ro Werner Borman, Hamburgo. Temo: Eŭropa Fervoja Politiko en la Komuna Merkato.

Ĵaŭdon 17/5. je la 20.00 h. Folklora vespero pri Gronlando. Vi vidos filmojn de nia plej norda provinco kaj Gronlandanoj en siaj kolorriĉaj naciaj kostumoj kantas kaj dancas por ni. La gvidanto de la vespero komentas la filmojn, kantojn kaj dancojn.

Aliloke en ĉi tiu numero de IF vi povas legi pri la duontaga ekskurso, kaj vi trovas artikolon pri filateliaj aferoj.

## GRAVAJ ENHAVAĴOJ



**INTERNACIA FERVOJISTA ESPERANTO-FEDERACIO**
**Sekretariejo: E. Kruse, D-6 Frankfurt (M) 70, Schweizer Str. 104, Germanio**
**Redaktoro: Per Johan Krogstie, N-2340 Løten, Norvegio**
**Bankkonto: Thurgauische Kantonalbank, CH-8590 Romanshorn, Svisio**

*Kongreskotizoj:*

Post 1.2.1973: 96.00 danaj kr. Familianoj, pensiuloj kaj gejunuloj ĝis 20 jaroj — la duonon.

Simpatiantoj minimume 20.00 danaj kr.

*Kongresaj glumarkoj.*

10 glumarkoj kostas 2 respondkuponoj inkl. afranko. Folio kun 25 glumarkoj kostas danajn kr. 2,25 + afranko.

El la eksterlando LKK ankoraŭ ne ricevis sciigojn pri gazeteltondaĵoj. La legantoj estas petataj atente studi la gazetojn kaj sendi al ni evt. artikolojn ĉar estas ege grave por ni.

*Speciale por la gejunuloj.*

La tuta kongressemajno aparta salono estos je dispono por la gejunuloj, ĉi tie ankaŭ la balo por la gejunuloj okazos.

En la salono estos je dispono por la gejunuloj du tabloj por teniso sur tablo kaj sonbendaparato. — Kunportu viajn proprajn sonbendojn kaj viajn muzikinstrumentojn tiel ke vi povas distri unu la aliajn.

La danaj gejunuloj ankaŭ preparos etan skeĉon. LKK petas kaj esperas, ke la gejunuloj en la aliaj landoj faros la saman.

Mendu trajnbileton:
Rødby færge/Padborg — Århus — København — Rødby færge/Padborg.

*Postkongreso en Kopenhago 19.—21.5. 1973.*

Ĉar temas pri Jubilea Kongreso mi petas al la kongresanoj:

*Restu* en la kongresurbo ĝis la fino de la kongreso vendrede la 18/5-73, kie ni aranĝas vesperon kie fervojistoj distras kaj amuzigas fervojistojn kaj la IFEF-prezidanto fermas la kongreson.

La postkongreso en Kopenhago komencas sabete la 19/5-73 je la 13-a horo kaj la plej bona kaj la plej agrabla vojaĝo al Kopenhago estas sabate matene je la 8-a horo.

por LKK Ingvard Kensing.

FILAETLIO

Okaze de la 25-a IFEF-kongreso en Århus 12-a ĝis 18-a majo 1973 speciala stampo estos uzata ĉe la poŝtoficejo en Viby J dum la tagoj 13-a, 14-a, 15-a kaj 18-a de majo 1973.

La speciala stampo havas jenan tekston: IFEF-kongreso, 25-jara jubileo kaj bildo de la Esperantostelo kaj vaporlokomotivo de la tipo «Canada», la unua lokomotivo sur la jutlandaj fervojoj.

La samaj tagoj membroj de la kolektanta klubo vartas la forvendadon de speciala kongreskoverto kaj speciala poŝtkarto, kiuj ambaŭ havas la kongresinsignon trikoloran kiel motivo.

Antaŭmendo de kongreskoverto kaj poŝtkarto eblas per samtempa enpago de la koncerna sumo al poŝta ĝirokonto n-ro: DK 60 799, Danske Jernbaners Idræts- og Fritidsforbunds Samlerforening, Norddalsvej 17, DK 8200 Århus N, aŭ en internaciaj respondkuponoj al: S. A. Rothmann, Norddalsvej 17, DK 8200 Århus N.

Por mendo ni petas jenajn mendnumerojn uzataj:

| | | Prezo po peco danaj kronoj |
|---|---|---|
| 1.0 | Kovertoj sen adreso | 1.00 |
| 2.0 | Poŝtkartoj sen adreso | 1.00 |

| | | | | Prezo po peco danaj kronoj |
|---|---|---|---|---|
| 3.0 | Sendkostoj po mendo | | | 2.00 |
| 4.13 | Kovertoj adresitaj kun presaĵafranko kaj speciala stampo | stampita | 13/5 | 1.40 |
| 4.14 | sama | » | 14/5 | 1.40 |
| 4.15 | sama | » | 15/5 | 1.40 |
| 4.18 | sama | » | 18/5 | 1.40 |
| 5.13 | Poŝtkarto adresita kun afranko kaj speciala stampo | » | 13/5 | 1.60 |
| 5.14 | » | » | 14/5 | 1.60 |
| 5.15 | » | » | 15/5 | 1.60 |
| 5.18 | » | » | 18/5 | 1.60 |

Se kovertoj kaj poŝtkartoj ne estos dezirataj adresitaj, sed afrankitaj kaj stampitaj kun speciala stampo, alsenditaj en speciala koverto estos krome enpagenda:

| | | |
|---|---|---|
| 6.0 | Sendkostoj po mendo | 2.00 |

Alsendo de mendonumero 1.0 kaj 2.0 okazos tuj post la ricevo de la pago.
Alsendo de mendonumero 4.13—5.18 okazos post la dato de la stampo.
1 internacia respondkupono samvalovas al 1.00 danaj kronoj.

Amikajn salutojn.

*S. A. Rothmann*, prez. de la kolektantoj.

# MOLS

## La regiono de la duontaga ekskurso



*La malnova urbdomo en Ebletoft.*

En la jubilea kongressemajno okazos ankaŭ duontaga ekskurso. Per aŭtobusoj ĉiuj havos okazon viziti la belan regionon Mols. Skribante artikolon pri ĝi mi volas klopodi, ĉu mi povas doni al vi etan impreson pri ĉi tiu bela duoninsulo.

Mols estas tre vidinda loko, ĝi estas iom fabela — estas io nekredebla pri ĉi tiu sufiĉe granda dekliva landparto. Ĝi fakte formas la kulminon de la koncepto Orientjutlando.

Ne malpli fabela, ne malpli nekredebla estas Ebeltoft — la ĉefurbo de Mols —, ĝi situas ĉe la maro kaj havas malgrandan havenon. Oni sentas sin transloĝiĝita al pasinta jarcento, kiam oni malrapide promenas tra la mallarĝajn stratojn en ĝi. Multaj el la domoj estas tre malnovaj tre malgrandaj, sed ĉiuj estas loĝataj. Cetere Ebeltoft estas la plej malgranda urbo en Danio, kiu havas urbajn rajtojn. La urbo ne bezonas havi turistajn afiŝojn pri antikvaĵoj, ĝi en si mem — kun sia malgranda urbdomo, kiu nun estas muzeo — estas antikvaĵo. Ebeltoft estas tia, sen multaj artaj aŭ artistaj kaprioloj, ĝi nur havas sian propran atmosferon. La urbanoj en Ebeltoft scias kaj akceptas tion.

Granda turista atrakcio en la urbo estas la malnova militŝipo Jylland. Ĝi partoprenis la batalon inter militŝipoj ĉe Helgoland en la jaro 1864. Sian lastan vojaĝon ĝi faris en 1960, kiam ĝi




*La fregato Jylland estas vera atrakcio en la haveno de Ebeltoft.*

ŝipiris de Kopenhago al la haveno en Ebeltoft. Multaj turistoj, ĉu enlandaj ĉu eksterlandaj, vizitas la ŝipon ĉiujare.

Mols estas, kiel mi jam skribis, tre dekliva regiono, ĝi estas ankaŭ tre riĉa je prahistoriaj memoroj. Ekz. oni vidas tie multajn tombojn de la unuaj epokoj.

La duoninsulo Mols, ĉar fakte ĝi estas duoninsulo, kiu estas ĉirkaŭbrakata de la maro kaj ĉi tiu ĉirkaubrakado vere bone reliefigas la belan naturon.

Nuntempe la regiono estas feria- kaj libertempa lando, kaj centoj da somer- kaj libertempaj domoj troviĝas tie.

Tamen la dana ŝtato ĉi tie, kiel en multaj aliaj partoj de Danio laŭleĝe protektis grandajn partojn de la regiono, por ke la naturo, la kreskaĵoj, restu netuŝitaj. Bone ke estas tiel, ĉar kaŭze de tio ni ankoraŭ havas la eblecon ĝui la naturon originan.

Laŭdire la molsanoj, do la loĝantoj sur Mols, en la pasintaj epokoj estis tre malsaĝaj. Ekzistas multaj historioj pri ilia malsaĝeco kaj pri iliaj malsaĝaj faroj. Tiuj ĉi historioj estas tre amuzaj, ili estas tradukitaj en multajn lingvojn, eĉ en Esperanton.

La nuntempaj molsanoj sin amuzigas pri tio, ke ili ne estas ĝenataj pri la historioj oni mem povas konstati. Ĉar ĉe la vojo apud la vilaĝo Knebel oni vidas memorŝtonon, sur kies flankoj riliefoj ilustras la malsaĝajn faradojn de la molsanoj.

Mols havas multajn aliajn vidindaĵojn, ekz. la ruinoj de la kastelo Kalø. Tamen la naturo — laŭ mia opinio — estas la plej vidinda kaj mi petas vin, partoprenante la ekskurson, intense rigardi ĝin.

Esperante ke mi sukcesis doni al vi impreseton pri la regiono Mols, mi finas la artikolon per la vortoj — ĝis revido. *Charles.*

*

# Iomete pri la postkongreso

La postkongreso okazos en Kopenhago 19.—21.5.1973 aranĝata de la kopenhaga sekcio de Dana Fervojista Esperantista Asocio.

Ni forte rekomendas al ĉiuj partoprenantoj ĉeestu la tutan kongresaranĝon en Århus kaj ne aparte vojaĝi al Kopenhago, sed partoprenu la komunan vojaĝon sabate la 19-an de majo.

La postkongresanoj forlasos Århus per ŝipo, kiu foriros de la haveno je la 8,10 a.h. Ni preterpasos belajn regionojn survoje al Kalundborg, de kie ni per rapidvagonaro daŭrigos al Kopenhago, kie ni alvenos al la ĉefstacio je la 12,40 a.h.

Helpemaj lokaj geesperantistoj akceptos vin kaj akompanos vin al via loĝejo, la fluanta hotelo Sankta Laŭrence, kiu situas en la haveno nur kelkminutan prome-

nadon de la ĉefstacio. En la impona hotelŝipo troviĝas 480 litoj, granda dancsalono, bufedoj kaj samaj komfortoj kiel en surteraj hoteloj el unua klaso.

La loĝejo estas tre proksime al la klubejo de la DEFA-sekcio, Otto Bussesvej 3 — telefono 22 19 31 — en kiu dum la postkongreso estas informejo. Tie vi ankaŭ je tre moderaj prezoj povas aĉeti kafon, kukojn kaj diversajn trinkaĵojn.

Tuj apud la hotelŝipo troviĝas la kantino de la nova Ŝarĝtrafika Stacidomo, kie okazos la postkongresa amikeca festo sabate la 19-an de majo. Laŭ dana kutimo en internacia rondo ni kantas, dancas kaj ne forgesas manĝi kaj trinki. Ankaŭ ne mankos surprizoj. La festo komenciĝos je la 17a h. kaj ni festos ĝis meznokto. Se vi laciĝos, via loĝejo estas tiel proksima, ke ni povas porti vin trans la strato hejmen.

La postkongresaj ekskusroj okazos dimanĉe la 20-an de majo dum la antaŭtagmezo. Pri la preciza horo ni informos vin post via alveno al Kopenhago. Ni faras du samtempajn ekskursojn. La unua okazos parte per aŭtobuso kaj parte per ŝipo kaj vi havos la okazon vidi grandan parton de la urbo kaj ankaŭ iom de la pli proksima ĉirkaŭaĵo. Dum la alia ekskurso ni uzas la oficialajn trafikilojn krom la piedojn.

Estas nia intenco dum ambaŭ ekskursoj doni al vi impreson pri nia ĉarma dana ĉefurbo. Dum la unua ekskurso vi certe vidos pli multe, sed dum la dua vi havos okazon pli detale pritrakti la konstruaĵojn kaj aliajn vidindaĵojn. Kompreneble ni dum via mallonga restado povas montri al vi nur etan parton de la vidindaĵoj je kiuj Kopenhago estas riĉa. En la centra parto troviĝas la urbdomo, de kies turo oni havas belan rigardon al la urbo, kaj en sennebula vetero oni povas vidi grandan parton de la sundo inter Svedio kaj Danio kaj eĉ vidi la pli ol tridek kilometrojn malproksime situanta katedralo en Roskilde. Ankaŭ vizitindaj estas la palacoj Christiansborg kaj Amalienborg. La unua estas sidejo por la parlamento la alia estas loĝejo de la reĝa familio. En la urbo troviĝas multaj belkonstruitaj preĝejoj kaj aliaj interesaj konstruaĵoj kiel ekzemple la Ronda turo de la 17-a jarcento, kiu estas konstruita tiel, ke oni sen ŝtupoj povas piediri al la supra parto.



*København — Kopenhago.*
*La koncerthalo en Tivoli.*

En la vespero ni vizitos la mondfaman amuzan parkon Tivoli, kiu situas en la proksimeco de la ĉefstacio, do ankaŭ proksime al la hotelŝipo. En Tivoli vi povas laŭplaĉe — aŭ laŭmone — glitveturi, karuseli, diversmaniere ludi, kaj se vi ne dum la sabatvespera festo sufiĉe dancis, vi en Tivoli havos bonajn eblojn por tio. Vi povas ridi, krii, kanti kaj dum kelkaj horoj elspezi ĉiun vian monon. Sed vi ankaŭ povas nur por modesta enirpago pasigi la tutan vesperon kaj ĝui la senkostajn ĝuojn kiel koncerton, liberaeran pantominon, artistan prezentadon kaj antaŭ ĉio la belegan iluminadon. Vi povas entute en Tivoli havi belegan travivaĵon neforgeseblan.

Lundo estos libera tago. Ni laŭeble helpos vin, se vi havas specialajn dezirojn rilate al vizitoj en muzeoj, parkoj k.s., aŭ se vi deziras viziti proksimajn urbojn.

Se la vetero estas bela, kion ni ege esperas, vi povas promeni laŭ Nyhavn kaj rigardi la pitoreskajn domojn tie, aŭ vi povas viziti la kastelon Rosenborg, kiu situas en ĉarma parko kaj enhavas interesan muzeon. En tiu urboparto ankaŭ estas la interesa botanika ĝardeno kaj la ŝtata muzeo por arto.

Bedaŭrinde la Akvario de Danio troviĝas ekster la urbo, sed se vi tamen vizitos ĝin, vi estas en la proksimeco de Dyrehaven, bela arbareto, kie troviĝas bela rokoko-palaco kaj tre granda amuzejo.

Sed neniu eksterlandano vizitas Kopenhagon sen fari promenadon laŭ Langelinie por saluti la mondkonatan figuron de la aventuro de la dana nacia poeto Hans Christian Andersen: la marvirineton. Iu impertinenta homo antaŭ kelkaj jaroj forŝtelis ŝian kapon, sed feliĉe ŝi denove ricevis ĝin tiel, ke ŝi en bona ordo povos bonvenigi la gesamideanojn, kiuj partoprenos la postkongreson en Kopenhago.

Tion ankaŭ faras la postkongresa komitato, esperante ke vi pasigos bonajn tagojn inter ni. Koran bonvenon!

*Eilif Andersen*
prezidanto de la kopenhaga sekcio de DEFA.

*

# FAKTOJ PRI GRONLANDO

La plej granda insulo de la mondo havas 2.175.600 km² kaj por la kreskanta aertrafiko tre centran situon. Pluraj aerodromoj estas trafikitaj, kaj multaj meteorologiaj stacioj registras kaj aŭguras la veteron.

La insulego kredeble konsistus el pluraj, se malaperus la kilometre dika glacitavolo, kiu kovras 80 % de la surfaco. Sub la glacio estas granito kaj lafoj, sed ankaŭ kriolito, karbo, plumbo, zinko kaj urano.

La klimato ĉie estas polusa. Mezaj temperaturoj +7° en julio kaj ÷30° en januaro. Pluvo (neĝo) estas negranda, sekve tundro estas la ĉefa vegetaĵaro. Ŝipa aliro estas tre malfacila pro ventegoj kaj glacimontoj ofte en distanco de centoj da kilometroj. Branĉeto de l' Golfa Fluo ebligas relative densan loĝadon nur laŭlonge de la okcidenta bordo. Norde ĉiam estas firma glacio ĝis bordoj de Kanado kaj Norda Poluso.

Eskimoj enmigris de Kanado en pluraj epokoj antaŭ nia erao, sed plurfoje formortis pro krudo de l' naturo. Islandanojnorvegoj alvenis ĉ. la jaro 1000, sed formortis ĉ. 1500. Nuntempe vivas 35.000 homoj, el kiuj 10 % estas dane naskitaj, sed plej multaj estas mikso eskima-dana, nomita gronlanda.

La dana epoko datumas de 1721, kiam la norvega familio Egede ekkoloniigis kaj ekkristanigis la landon. Fondita estis Reĝa Gronlanda Komerco, kiu monopole regis ĉie kaj ĉion ĝis 1953, kiam la ĝistiama «protekta» politiko ĉesis favore al malfermo de la lando por serioza modernigo kaj liberala ekonomio. — Nuntempe la ekonomio havas plurajn pivotojn: ŝtata iniciato, Reĝa Gronlanda Komerco, Gronlanda Teknika Organizo, privataj entreprenoj, kooperativoj k. a. — Reĝa Gronlanda Komerco gvidas ankaŭ transporton, hotelojn, poŝton kaj monsistemon (apartaj poŝtmarkoj kaj mono ekzistas!) — Plej grava okupo estas la fiŝado, kiu ampleksas duonon de la loĝantaro, kaj oni ĉiel klopodas ĝin vastigi. Kelkaj minejoj troviĝas: Kriolito ĉe Ivigtut plumbo kaj zinko ĉe Mestersvig (ĉesanta) kaj karbo ĉe Kutdligssat. — Bredado de ŝafoj, boacoj, hundoj, felbestoj kaj kortbirdoj estas relative granda. — Industrio

sin bazas sur fiŝo, viandaĵoj kaj teksado.

La problemo pri domoj estas tre akuta. Kelkloke restas la originaj torf-kabanoj, tamen iliaj lignaj ekvivalentoj ne montriĝas multe pli taŭgaj. Nun oni konscie limigas la nombron de loĝlokoj favore al urboj kun domoj, kiuj ebligas civilizan vivon. La ĉefurbo *Godthåb* (Bonespero) havas iom pli ol 3000 loĝantojn kaj preskaŭ ĉiujn instalaĵojn kaj instituciojn, kiujn bezonas arktika socio. Ĝin superas nur usona bazo en plej norda Thule, kie miloj da soldatoj kaj teknikistoj — laŭ Atlantika pakto — instalis malgrandan Amerikon parte sub glacio.

De 1953 Gronlando estas egalrajta ero de Danio. Tamen eblas fari apartajn leĝojn kaj aranĝojn, ĉu per Ministerio de Gronlando, ĉu per la loka Land-konsilantaro, elektita samregule kiel okazas balotoj en Danio. Krome la gronlandanoj elektas du reprezentantojn por varti siajn interesojn en la dana parlamento.



# La nova statuto

Ekde la unua de januaro 1973 la Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF) havas novan statuton. Ĝi anstataŭas tiun el la jaro 1966.

Kial denove statuto? Ĉu ĝia noveldono signifas progreson? Tian demandon povus starigi precipe tiuj IFEF-anoj, kiuj ne havis okazon, observi detale la evoluon de la federacio dum la lastaj jaroj. Pro tio jen kelkaj motivoj por la noveldono.

Unu fakto sendube estas nekontestebla: IFEF daŭre kreskis laŭ aktiveco kaj membraro. Ĝia ekzisto estas vaste konata, ĝiaj kongresoj allogas ankaŭ nefervojistojn, kiel pruvis la kongreso 1972 en Lugano. Nuntempe ekzistas bonaj ligoj al neesperantistaj organizaĵoj, eks. al FISAIC, la internacia kulturorganizaĵo de la fervojistoj.

En la Universala Esperanto-Asocio (UEA) IFEF estas la plej granda kunlaboranta faka organizaĵo. Ekzistas specialaj komisionoj por fakprelegoj kaj fakterminoj. La junulara agado bazis ĝis nun sur direktivoj ekster la statuto. Ĉio tio, sed precipe la ĉiam pli komplika laboro inter la estraro (eksekutivo) kaj komitato (legistlativo), kondukis en 1969 al la decido, ellaborigi novan statuton per tiucele fondita komisiono. La temporaba laboro de la statutrevizia komisiono finiĝis en majo 1972, kiam la komitato akceptis la statutprojekton.

La nova statuto enhavas 30 paragrafojn en 9 ĉapitroj, krome 5 aldonojn. La aldonoj okupiĝas pri la taskoj de la komisionoj kaj sekcioj. Kiel ĝis nun, la laboroj por organizi kongreson estas aparte traktitaj. La ĝeneralaj regularoj ne plu formas apartan parton; ili sekvas tuj post la koncernaj paragrafoj, kio faciligas la uzadon. Tre utila estos aldono kun ĉiuj observendaj limdatoj. Ĝuste tiuj datoj demonstras la neceson, ordigi kaj faciligi la neeviteblan kunlaboron, kiu alie dronus en troa korespondado.

La strukturo de IFEF principe ne ŝanĝiĝis. Neniu timu, ke la federacia karaktero malfortiĝis. Kontraŭe. La aliĝintaj landaj asocioj estas kaj restas la membroj de la federacio. La membroj de la aliĝintaj landaj asocioj estas IFEF-anoj, sed ne rektaj membroj kiel la relative malmultaj izolaj membroj. Por proponoj kaj decidoj estas kompetentaj la komitatanoj kiel legitimaj reprezentantoj de siaj landaj asocioj. La junulara

sekcio disponas pri propraj reprezentantoj en persono de 2 kromkomitatanoj.

Ne plu oni trovas regulojn pri la aranĝo de ĝenerala voĉdonado kaze de ekstrema situacio. La federacio fidas, ke tiukaze aŭ la estraro aŭ la komitato kun sia ĉefkomitatano restos labor- kaj decidkapabla.

Per tiu nova statuto IFEF disponas pri konvena instrumento por siaj ampleksaj laboroj sur internacia tereno. Pri la laboroj sur nacia tereno respondecas kiel ĝis nun la landaj asocioj. Ili ankaŭ estonte pritraktu proponojn laŭ la realaj ebloj, finance kaj organize efektivigi ilin en la federacio.

Pro la altaj kostoj ne ĉiu IFEF-ano povos ricevi la statuton. Ricevos ĝin estraranoj, komitatanoj, komisionanoj kaj landaj estraroj. Plura kvanto da ekzempleroj estos disponigata al ĉiuj landaj asocioj, ĉe kiuj interesitaj personoj el la respektivaj landoj bonvolos peti la statuton.

*W. B.*

*

## Kongresproponoj pritraktendaj dum la 25-a IFEF-Kongreso

*Kongrespropono 1* (de la IFEF-estraro)

Laŭ protokolo pri la plenkusindo en Lugano cif. 7.7 la estraro proponas: «Surbaze de la «Historio» aperinta en 1968, je konvena okazo estu eldonita nova kompletigita «Historio», en kies kompilado laŭeble ĉiuj landaj asocioj kunhelpu. Kiel unuan paŝon ĉiu landa asocio elektu respondecan personon, kies nomon oni anoncu al la IFEF-sekretariejo ĝis fino de aŭgusto. La elektita kunlaboranto kolektu ĉiujn ĝenerale interesajn datojn kaj eventojn de sia landa asocio ĝis la 27-a IFEF-kongreso. Tiam oni esploru la situacion kaj decidu pri dua paŝo».

*Kongrespropono 2* (de FFEA, komitatano Delaquaize)

Organizi, dum la IFEF-Kongresoj, forumon kies celo estus ebligi al la interesotaj kongresanoj pli bone kompreni diversajn aspektojn de la vizitata lando, permesante al ili fari demandojn (pri fervojaj aŭ ĝeneralaj temoj) kaj amike diskuti kun esperantistoj de tiu lando.

*Komentario:* La celo de tiu kunveno estas pli bone konigi la kongreslandon (lando kaj popolo) kaj helpi la intelektajn kontaktojn inter la kongresanoj.

*Kongrespropono 3* (de Fervojista Esperanto Rondo Braŝov, I. Sirbu)

La vic-prezidanto de IFEF estu elektita el inter unu de la landaj asocioj el socialismaj landoj (Hungario, Ĉeĥoslovakio, ktp.). Se tio ne eblas tiam oni kreu la postenon de dua vic-prezidanto.

*Komentario:* Laŭ nia opinio la posedo de IFEF-vicprezidanto el socialisma lando povus multe pli faciligi la reciprokajn rilatojn. Estas konata, ke delegitoj aŭ reprezentantoj el socialismaj landoj en socialismaj landoj multe pli facile estas akceptataj kaj havas aliron ĉe instancoj ŝtataj kaj politikaj.

*Kongrespropono 4* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

La IFEF-estraro eldonu por ĉiu jaro skeman laborplanon kaj dissendu ĝin al la landaj sekcioj, kiuj laŭ tiu gvidplano ellaboru detalan propran laborplanon.

*Komentario:* La agado de la landaj sekcioj devas esti gvidata laŭ direktivoj de la estraro de IFEF. La laborplano ebligas unuecan kaj planitan laboron en la sekcioj.

*Kongrespropono 5* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

La estraro de IFEF starigu premian monfonduson por la plej bone laboranta sekcio kun plej grandaj agadatingoj.

*Komentario:* Asignita premio instigas la gajninton al plua vigla agado kaj elvokas inter la aliaj sekcioj rivalecan konkuradon, kiu povas rezultigi pli bonajn sukcesojn.

*Kongrespropono 6* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

La estraro de IFEF eldonu gravajn instrukciojn kaj informojn en formo de presita enmetaĵo al la organo I.F.

*Komentario:* Tiu procedo ebligas kolekti tiujn instrukciojn kaj informojn en aparta teko por facila retrovo kaj uzo.

*Kongrespropono 7* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

La estraro de IFEF dissendu al la fervojaj administracioj en landoj kun IFEF-sekcioj petskribojn pri enkonduko de la esperantaj klarigoj en la veturplanoj, kie ili ankoraŭ ne aperis.

*Komentario:* Bona rimedo por antaŭenpuŝi la aferon, ĉar multaj sekcioj mem ne estas povintaj konvinki la koncernajn instancojn pri la graveco de Esperanto en internaciaj rilatoj.

*Kongrespropono 8* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

IFEF ekkomencu kampanjon enkonduki Esperanton en fervojajn faklernejojn kaj centrojn de fervojfaka edukado kiel nedeviga fako.

*Komentario:* Urĝas tempo elpaŝi al la koncernaj instancoj kun inform-materialo pri utileco de Esperanto en la fervoja internacia trafiko. Tiu kampanjo liveras freŝajn kaj junajn fortojn al la maljuniĝanta fervojista Esperanto-movado.

*Kongrespropono 9* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

IFEF eldonu «membrokartojn» por la IFEF-membroj.

*Komentario:* Ĉiu membro de iu ajn organizo rajtas sin legitimi. La kartoj estu simplaj, enhavu nur la plej necesajn indikojn: antaŭ- kaj familia nomoj, aparteno al IFEF, dato. Por faciligi al la IFEF-estraro la laboron, la komitatanoj de la landaj sekcioj estu rajtigitaj plenumi kaj disdoni la kartojn al la IFEF-membroj.

*Kongrespropono 10* (de PFEF, komitatano Nawrowski)

Numerigi la organon de IFEF «Internacia Fervojisto» per jaraj kaj kurantaj numeroj.

*Komentario:* La jaraj numeroj ne ĉiam estas seneraraj, ekz. la n-ro de I.F. en marto/aprilo kaj julio/aŭgusto 1972 havas la saman numeron «4». Tion oni povas eviti numerante I.F. per duoblaj numeroj, ekz. n-ro 2/140 kaj 4/142. Krom la duobla numerigo ebligas kontrolon, ĉu ĉiuj numeroj de la organo atingas la adresiton kaj troviĝas en la jaraj kolektoj.

*Kurt Greutert.*

*

# Tagordoj

*I-a Kunsido Estraro — Komitato*
(ne-publika)

1) Kontrolo de la mandatoj
2) Elekto Junularaj Kromkomitatanoj
3) Elekto Ĉefkomitatano
4) Konstato de kongresantaj veteranoj
5) Elekto de komitata reprezentanto por veterana kunsido
6) Diskuto kongresproponoj
7) Diskuto skemo landaj jarraportoj

8) Diskuto estraraj raportoj
9) Diversaĵoj

*II-a Kunsido Estraro — Komitato* (publika)

1) Malfermo
2) Kontrolo de la mandatoj
3) Raporto de la ĉefkomitatano
4) Diskuto budĝeto 1974
5) Diskuto kongreslokoj 1974/1975
6) Rilatoj FISAIC, UEA, SAT, sindikatoj, Fervojaj administracioj, neŭtralaj Esperanto-organizaoj
7) Kontaktkunveno kaj Fakprelego UK Beograd—Hamburg
8) Diversaĵoj

*Plenkunsido* (publika)

1) Malfermo
2) Telegramoj, leteroj
3) Kontrolo de la mandatoj
4) Konfirmo de la gvidantoj resp. sekretarioj de la Junulara Sekcio, Fakprelega kaj Terminara Komisionoj
5) Jarraportoj landaj asocioj
6) Raportoj estraranoj
   6.1) Sekretariino
   6.2) Kasisto
   6.3) Redaktoro
7) Raportoj Komisionoj
   7.1) Terminara Komisiono
   7.2) Fakprelega Komisiono
   7.3) Junlara Sekcio
   7.4) Komitatano A de UEA
8) Fikso kotizo 1974 (nenia ŝanĝpropono)
9) Aprobo Budĝeto 1974
10) Organizaj aferoj
11) Decidoj kongresproponoj
12) Elekto kongreslokoj 1974/1975
13) Informoj — Diversaĵoj
14) Libera Diskutado

*

*Tagordo por la kunsido de la Terminara Komisiono*

1) Stato de la traduklaboroj
2) La Regularo por TK, valida de 1.1.1973
3) Elekto de gvidanto kaj sekretario
4) Diversaĵoj

*

*Kunsidprogramo de la Fakprelega Komisiono por la 25a Kongreso en Ärhus*

1. Jarraporto pri la agado inter la 24a kaj la 25a kongresoj.
2. Realigo de la nova regularo ekvalidiĝinta la 1an de januaro 1973 (statuto de IFEF, Aldono III).
3. Gvidlinioj pri fakprelegoj kaj principoj de prezentado.
4. Elekto de gvidanto kaj sekretario laŭ statut-aldono III (6).
5. Prelegotemoj por la 26a kaj 27a kongresoj; prelegoj en aliaj renkontiĝoj.
6. Diskuto.

Daŭrigo p. 13




# ADMINISTRAJ INFORMOJ

De Hispana Esperanto Fervojista Asocio — HEFA, la redakcio informiĝis pri la 26-a IFEF-kongreso, ke ĝi aranĝiĝos en la urbo Tarragona, kiu situas 100 km. sude de Barcelona.

La kongresejo situas 2 km. for de la urbo, ĉirkaŭata de bela arbaro kaj tute apud la strando.

## JARKALKULO 1972

*Enspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Kotizoj | fr. | 14 039.80 |
| Adoptaj Kotizoj | » | 340.80 |
| Rentumoj | » | 632.90 |
| Fonduso Kongresa Garantia | » | 500.— |
| Likvido fonduso Statutpresigo | » | 450.— |
| Komenso por reprezentado | » | 150.— |
| Diversaĵoj | » | 30.60 |
| | fr. | 16 144.10 |

*Elspezoj:*

| | | |
|---|---|---|
| Presigo IF | fr. | 8 716.95 |
| Afranko IF | » | 788.85 |
| Estrarkunsidoj | » | 768.— |
| Fonduso Kongresa Garantia | » | 500.— |
| Administrado | » | 482.30 |
| Reprezentado | » | 458.15 |
| Presigo de statuto | » | 450.10 |
| Kotizo UEA kaj SAT | » | 142.— |
| Junularo | » | 94.45 |
| Malvalorigo inventaro | » | 86.40 |
| Gazetabono | » | 30.— |
| Diversaĵoj | » | 75.30 |
| | fr. | 12 792.50 |
| Plienspezoj | » | 3 351.60 |

| BILANCO: | | | Aktivoj | Pasivoj |
|---|---|---|---|---|
| Kaso | fr. | 50.97 | | |
| Bankkonto 471 | » | 3 602.25 | | |
| Deponlibroj | » | 5 173.90 | | |
| Ŝparlibroj | » | 2 607.10 | fr. 11 434.22 | |
| Inventaro | | | » 1.— | |
| nepagitaj kotizoj * | | | » 785.— | |
| | | | fr. 12 220.22 | |
| Kongresa gar. fond. | | | | fr. 1 296.50 |
| Havaĵo 1.1.72 | fr. | 7 572.12 | | |
| Havaĵpliigo | » | 3 351.60 | | |
| Havaĵo 31.12.72 | | | | » 10 923.72 |
| | | | fr. 12 220.22 | fr. 12 220.22 |

* ĉiuj kiel nepagitaj registritaj kotizoj estas pagitaj kaj jam troviĝas en tabelo «membrostato de IFEF 1972».

Romanshorn, 9.1.1973
la kasisto:
O. *Walder*

Zürich, 15.1.1973
la revizoroj:
E. Glättli, E. Rohner, J. Jüstrich

MEMBROSTATO DE IFEF 1972

| Lando | 1972 | 1971 |
|---|---|---|
| Aŭstrio .......... | 175 | 175 |
| Belgio ............ | 25 | 25 |
| Britio ............ | 21 | 25 |
| Bulgario .......... | 190 | 191 |
| Ĉehoslovakio ...... | 100 | 100 |
| Danio ............ | 85 | 85 |
| Finnlando ........ | 25 | 25 |
| Francio .......... | 280 | 280 |
| Germanio ........ | 850 | 850 |
| Hispanio .......... | 205 | 207 |
| Hungario ........ | 201 | 201 |
| Italio ............ | 115 | 115 |
| Jugoslavio ........ | 60 | 60 |
| Nederlando ...... | 95 | 104 |
| Norvegio ........ | 51 | 53 |
| Polio ............ | 25 | 20 |
| Rumanio .......... | 20 | 20 |
| Svedio ............ | 180 | 167 |
| Svisio ............ | 110 | 110 |
| Izolaj membroj .... | 12 | 6 |
| Adoptitoj ........ | 27 | 27 |
| | 2 857 | 2 846 |

IFEF havas membrojn en 27 landoj.
Romanshorn, 31.12.1972
la kasisto: O. *Walder*

*

*Britio*

Ĉar la ĝisnuna sekretario de BAEF, Bryan *Ranwell*, pro deĵoraj kaŭzoj troviĝos dum multaj monatoj ekster sia hejmo, li ne povos plenumi taskon por BAEF.

Ni do petas niajn landajn asociojn kaj ties membrojn interrilati kun la prezidanto de BAEF, s.ro David *Wild*, 41 The Broadway, *Nantwich*, Cheshire, CW 5, 6 JH, Britio. Bonvolu sendi gazetojn kaj informojn al ĉi tiu adreso.

*Novaj Komitatanoj 1973/74*

Por la bona kunlaboro de la plej multo de la landaj asocioj, kiuj tre rapide post forsendo de mia cirkulero, anoncis la nomojn de sia(j) komitatano(j) mi sincere dankas. Mi deziris tuj post novjaro konigi al vi la okazintajn ŝanĝojn kaj aldoni la por la nuna laborperiodo validajn nomojn kaj adresojn por faciligi la interŝanĝon de ideoj rilate kongresproponoj kaj federaciaj aferoj. Bedaŭrinde mi ne povas agi laŭ mia intenco pro manko de informoj pri komitatanoj el jenaj landoj: Hispanio, Jugoslavio, Norvegio kaj Svisio. La koncernaj landaj asocioj estas petataj plej baldaŭ kiel eble sendi la necesajn informojn. Fine de februaro mi pere de plia cirkulero dissendos la liston de nomoj kaj adresoj ne plu konsiderante kompletecon.

*Kurt Greutert.*

*

Daŭrigo de p. 11

## Tagordoj.

*Tagordo por la Junularkunsido en Århus*

1) Malfermo de la kunsido
2) Diskuto pri la farita jarlaboro
3) Elekto de nova junulargvidanto ĉe IFEF
4) Starigo de nova jarlaborplano
5) Libera diskuto, ideoj, sugestoj, k.t.p.
6) Fermo de la kunsido

*Kurt Greutert.*



# FERVOJNOVAĴOJ

*En la jaro 1971 la fervojoj de UdSSR transportis pli ol 3 miliardojn da vojaĝantoj kaj 3 miliardojn da tunoj*

Por la fervojoj de Sovet-Unio 1971 estis jaro, en kiu la limo de 3 miliardoj estis superigata la unuan fojon, kiel rilate personojn tiel ankaŭ rilate transportitajn tunojn. Estis precize 3059 mil da personoj (2930 en 1970) aŭ 275 mil da personkilometroj (pkm).

En la jaro 1970 la cetera Eŭropo atingis frekventon de 324 mil da pkm. La tute alia strukturo de Sovet-Unio — en kiu preskaŭ nur estas magistraloj kun forta trafiko kaj en kiu la fervojoj estas pli aĝaj kaj havas pli da apudaj linioj — malebligas ĉiun komparon kun la trafiko de la ceteraj kontinentaj fervojoj.

Por la frajttrafiko en 1971 estis transportita en Sovet-Unio 3032 mil da tunoj (2881 en 1970). La tunoj entute ampleksas en 1970 en Eŭropo 2541 mil, sed la alteco de la tunkilometroj (tkm) en UdSSR estis 2643 mil, do la kvinobla de ĉiuj aliaj eŭropaj fervojoj kune.

La meznombra transportdistanco en Sovet-Unio estas fakte eksterordinare alta: = 870 km.

Tiel la fervojo konfirmas sian multneceson kiel ilo en la merkata evoluo.

*

*Japanio*

Ekde la unua de aprilo 1970 ĝis la 31a de marto 1971 efektivigis la japanaj fervojoj (JNR) 288,9 mil da pkm. Tio signifas mondrekordon antaŭ UdSSR kun 266,6 mia pkm. Estas 80 % de la eŭropa trafiko, kvankam la japana reto prezentas nur 8 % de la tuta eŭropa reto.

*Irlando: stacioj sen personaro*

La irlanda fervojadministracio (CIE) intencas akceli staciojn sen personaro ankoraŭ antaŭ jarfino 1972 sur la linioj al Dublin. Nuntempe aŭtomatoj estas elprovataj, per kiuj oni vendas kaj malvalorigas biletojn. La aŭtomato donas biletojn por unufoja kaj por 10 vojaĝoj. Tiamaniere oni ebligos remalfermon de stacioj, kiuj ne donas profiton aŭ akcelos novajn staciojn sen personaro.

La CIE intencas vigligi la fervojan trafikon, por eviti la plenstopiĝon en la urbokerno de Dublin. Per la ŝparita sumo, kiun oni gajnos per la aŭtomatoj, oni kontraŭagos la tendencon, forigi fervojstaciojn.

*15 jarojn TEE-trajnoj*

En junio 1972 festis la Trans-Eŭrop-Ekspres-grupo la 15-jaran ekziston. La 2an de junio 1957 oni ebligis la unuajn 10 TEE-interligojn, kaj ĉiuj kun plibonigitaj dizel-motorvagonoj. Hodiaŭ ekzistas 35 TEE-interligoj, kiuj servas al 9 landoj en Okcidenteŭropo. Intertempe la tekniko forte evoluiĝis. La kutima vagonaro kun alta komforto kaj elektra trakcio plejparte anstataŭis la dizeltrajnon.

*«Eŭrail»-pasporto*

La nombro de venditaj «Eŭrail»-biletoj en USA, en Japanio kaj Aŭstralio en 1971 duobliĝis kompare al 1969. Siatempe estis venditaj 66200 biletoj. En la jaro 1970 la nombro estis 93000 kaj en 1971 estis 133400 biletoj en valoro de pli ol 10 mil da dolaroj. Estas ja konate, ke posedanto de «Eŭrail»-bileto povas senrezerve uzi ĉiujn trajnojn, kiuj trafikas sur la reto de 13 okcident-eŭropaj landoj.



# EL LA FERVOJISTA MONDO

*LKK Lugano heroldas: Fino bona — ĉio bona.*

Bonŝance nia federacio ĉiam trovas membrojn pretajn transpreni la grandan taskon organizi IFEF-kongreson. Fakte ne estas tiom memkomprenebla, ke kvin — aŭ kelkopo oferu dum monatoj fortojn kaj liberan tempon por krei mallongan, unusemajnan plezuron al la gekolegoj.

Ne necesas ripeti, ke por la 24a kongreso estis apartaj antaŭkondiĉoj, pro tre malfrua decido okazigi ĝin en Lugano. Dank' al nia membraro, kiu venis grandnombre, dank' al fervojaj direkcio kaj sindikato, subtenintaj LKK morale kaj materie kaj dank' al aro da nefervojistoj, ĉio kontentige marŝis.

Se ĉe transpreno de la organizado LKK estis certigita, ke la eksterordinaraj cirkonstancoj se necese pravigos eĉ elĉerpiĝon de la Kongresa Garantia Fonduso, la rezulto fariĝis nekredeble favora. Nia LKK-kasisto sorĉis konsiderindan gajnon, kiu i.a. destinoj *pligrandigas* la supre nomitan fonduson je svfr. 500.— kaj la adoptan kason je svfr. 200.—.

En rondo de siaj familianoj, la 26-an de nov. LKK lastan fojon kunsidis por festa tagmanĝo, en modesta gastejo tipe tiĉina. La agrabla atmosfero daŭris ĉe kastana ĝuado kaj fine ĉe fromaĝfonduo ĉe la barbula vicprezidanto. Organizi kongreson estas vere agrabla tasko — kiam la laboroj tiel finiĝis.

***Wa.***

*

Dum la t.n. «Minikongreso» en Clervaux (Luksemburgio de la 6a ĝis la 9a de oktobro 1972 i.a. ankaŭ la reprezentanto de la «Germana Fervojista Sindikato» (GdED), kolego Smuda alparolis la ĉeestantojn.

Al la gekolegoj de la «Fervojista-Esperanto-Rondo» en Hagen (Vestfalio), kiuj skribis al kolego Smuda, li en la nomo de la ĉefestraro de la Sindikato respondis, ke li intencas klopodi por ke *Esperanto* estonte trovu pli da atento en la junlara laboro de la sindikato.

Premiso por la realigo de internaciaj kontaktoj inter la junaj fervojistoj komprenenble estas, ke ankaŭ la eksterlandaj fervojistaj sindikatoj agu same.

Do! Gekolegoj vi estas petataj subteni en via lando niajn klopodojn interesigi la junajn fervojistajn gekologojn por *Esperanto* helpe de la sindikatoj.

*

*Polio.*



La 6-an de oktobro 1972 la Fervojista Sekcio de Pola Esperanto-Asocio celebris sian 15-jaran jubileon.

La jubileo okazis en la klubo Verda Vojo en Gdansk, kaj la prezidanto de la Pola Fervojista Esperanto-Fakgrupo, Erazm Nawrowski malfermis la feston.

En sia alparolo li salutis la alvenintajn reprezentantojn kaj eminentajn gastojn, inter alie la komitatanon de UEA kaj prezidanton de HEA, d.ron Istvan Bacskai.

En mallonga maniero li skizis la fondon de la fervojista Esperanto-movado en Polio.

Parolis ankaŭ reprezentantoj de la Esperanto-organizaĵoj kaj la gastoj.

Alvenis multaj gratulleteroj kaj saluttelegramoj, inter alie de la prezidanto de IFEF, cetere oni ricevis librodonacojn al la kluba biblioteko.

La prezidanto de PEA parolis kaj distingis Erazm Nawrowski per la insigno de Merito, verda stelo kun ora laŭra krono, kaj 22 membroj ricevis diplomoj *«Pro Fideleco al Esperanto»*.

*

*Ĉeĥoslovakio.*

La 18-an kaj 19-an de decembro la Fervojista Sekcio de Ĉeĥa Esperanto-Asocio aranĝis dutagan jarkunvenon por la unua fojo en la 7-jara historio de la movado.

Le gepartoprenantoj ekskursis al la naskiĝurbo de la komponisto Bedrich Smetana, kie ili vizitis lian naskiĝurbon en kastela bierfabriko, tie ili aŭskultis esperantlingvan paroladon pri lia vivo akompagnata per karakteriza ĉeĥa muziko.

Post komuna tagmanĝo en Ĉeska Trebova la gepartoprenantoj vizitis popolan feston.

La mema jarkunveno komencis dimanĉon matene, kiam oni komence kantis la himnon de Esperanto.

Poste sekvis kultura programo, antaŭ salutparoladis reprezentantoj de la gastoj el pluraj fremdaj landoj.

En sekvaj raportoj de sekretario, redaktoro, kasisto, terminara komisiono kaj kronikisto, funkciuloj prezentis sian laboron. En libera diskutado la gekolegoj parolis pri laboro en Esperanto-rondeto en Praha, pri metodoj de instruado, pri agado de abstinentuloj kaj eĉ aliaj.

Dum reciproka adiaŭo ĉiuj deziris renkontiĝi dum 4-a Esperanta balo en Ĉeska Trebova la 3-an de februaro 1973.

*

## Anoncoj

*Esperantista Renkontiĝo* ree dum Foiro en Leipzig (GDR) okazos 10.3.1973 en Klubo de la inteligentularo «Gottfried-Wilhelm Leibnitz» 701 Leipzig, Elsterstr. 35 je h. 19.30. Vizitu la esperantistojn en Leipzig!

*

Internaciaj Feriaj Kursoj, okazos por la 42-a fojo en Helsingør, Danio, en la semajno 22.—29.7.1973.

Por detaloj, skribu al S.ro L. Friis, Ingemannsvej 9, DK-8230 Aabyhøj, Danio.

*

Esperantoklubo «Unueco» Krommenie/Assendelft Nederlando

organizos denove de 5a ĝis 12a Aŭgusto 1973, la 19an Internacian Esperanto-feriosemajnon.

Oni gastloĝas senpage, ĉe Esperanto-familioj.

Oni nur pagas por la ĉiutagaj ekskursoj 150.— Ned.guldenoj aŭ 30.— dolaroj. Ni prezentos belan programon.

Limdato de aliĝo ĝis 15a Junio 1973.

Informajn prospektojn senpage havebla ĉe:

Esperantoklubo «Unueco» Krommenie/Assendelft Nederlando. S.ino J. A. v.d. Meulen Popelstraat 13 Krommenie Nederlando.

*

*14-a Eŭropa Ferio-Semajno (EFS) en Svisio,* okazos en Fürigen apud Stansstad en la semajno 2.—8.9.1973.

Por detaloj oni turnu sin al S.ro Ernst Glättli, Laurstrasse 17, CH-5200 Brugg, Svisio.

La redaktfino por la venonta IF estas 5.3.1973.

Presita de presejo A. Sæther A.s
N-2300 Hamar, Norvegio